2 Février 1908. 2a Februaro 1908. 77a NUMERO. 2n Februari 1908.

6a JARO, 10a numero.




OFICIALA ORGANO DE LA « BELGA LIGO ESPERANTISTA » KAJ DE LA BELGAJ LIGAJ GRUPOJ.

Aliĝinta al la profesia Unuiĝo de la Perioda Belga Gazetaro.

Organe officiel de la « Ligue Espérantiste Belge » et des Groupes Belges Affiliés.

Affilié à l'Union professionnelle de la Presse Périodique Belge.

Officieel orgaan van den « Belgischen Esperantischen Bond » en der Belgische aangesloten groepen.

Aangesloten bij het Beroepsverbond der periodische Belgische drukpers

DIREKCIO : Redakcio kaj Administracio,

53, rue de Ten Bosch, BRUXELLES.

ENHAVO.



---

Presisto-eldonisto A.-J. WITTERYCK, Nouvelle Promenade, 4, Bruges.

## ABONNEMENTS

Au moins un an . . . . . fr. 6,00
Avec inscription à la Ligue *au moins* » 7,00
Membre protecteur de la Ligue avec abon.(Statuts p.II) *au moins* » 10,00
Un numéro . . . . . . . . » 0,25
1$^{e}$ et 2$^{e}$ année ) en Belgique ( . » 5,00
3$^{e}$, 4$^{e}$ et 5$^{e}$ » ) *chacune* ( . » 6,00
Les collections pour l'étranger, par envoi *en plus* » 1,00

## ABONOJ

Almenaŭ unu jaro ĉiulande . . Sm. 2,40
Kun enskribo en la Ligo *almenaŭ* » 2,80
Protektanta ligano, kun abono *almenaŭ* » 4,00
Unu numero en Belgujo . . . » 0,10
1$^{a}$ kaj 2$^{a}$ jaro) en Belgujo ) . . « 2,00
3$^{a}$, 4$^{a}$ kaj 5$^{a}$ ») *ĉiu* ) . . » 2,40
ĉiu sendo eksterlande pagas ĉiufoje . . . . . . . . . » 0,40

## INSCHRIJVINGEN

Ten minste 1 jaar . . . . . fr. 6,00
Met inschrijving in den Bond. *ten minste* » 7,00
Bond-Beschermer, inbegrepen maandschrift (Standr.. p. II) *ten minste* » 10,00
Een nummer . . . . . . . » 0,25
1$^{e}$ en 2$^{e}$ jaar ) in Belgie ) . . » 5,00
3$^{e}$, 4$^{e}$ en 5$^{e}$ jaar) *ieder* ). . . » 6,00
Buitenland . . . . . *meer* . » 1,00

**Sin turni al la Direkcio, 53, rue de Ten Bosch, BRUXELLES.**

La abonoj komencas nepre la 1$^{a}$ de Septembro. Se oni abonas poste, oni ricevas la jam aperintajn n$^{ojn}$. Ni akceptas poŝtmarkojn laŭvalore, sed ni pli ŝatas poŝtmandatojn.

L'abonnement commence le 1$^{er}$ Septembre. Si l'on s'abonne après cette date, on reçoit les N$^{os}$ parus.

Het jaar begint den 1$^{n}$ September.— Indien men inschrijft in den loop des jaars, ontvangt men de vorige nummers.

# ESPERANTISTAJ GAZETOJ.

## JOURNAUX ESPÉRANTISTES. ESPERANTISCHE BLADEN.

| | | Nacie | | Internacie |
|---|---|---|---|---|
| **Amerika Esperantisto**, 1239, Michigan Avenue, Chicago, U. S. A. . . . . . | d. | 1.00 | Sm. | 2.05 |
| **Amsterdama Pioniro**, Holanda-esperanto, Admin. Singel 386, Amsterdam (Holland). | Fl. | 1.50 | » | 1.25 |
| **Antaŭen Esperantistoj**!!! espagnol-esperanto Apartado 927, Lima, (Pérou) . . | S. | 0.60 | » | 1.20 |
| **Brazila Revuo Esperantista**. Redakcio, Rua de Assembléa, 46, Rio de Janeiro . . | Mr. | 2.15 | » | 2.40 |
| **British Esperantist**, anglais-esperanto, 13, Arundel street, London W. C. . . | Ŝ. | 3.20 | » | 1.60 |
| **Bulgara Esperantisto**, dumonata, Adm. de Bulgara Esperantisto en Sofio (Bulgarie) | L. | 1.50 | » | 0.60 |
| **Ĉasopis Ĉeskych Esperantistŭ**, Organo de Bohemaj Esp., Praha (Autriche) . . | Kr. | 3.60 | » | 1.50 |
| **Eho Esperantista**, aldona de « Das Echo ». J. H. Schorer, 1, Dessauerstr. Berlin . | mk | 5.00 | » | 2.50 |
| **Esperanta Ligilo**, esp., pour aveugles. M. Cart, 12, Rue Soufflot, Paris . . . | fr. | 3.00 | » | 1.20 |
| **Esperantisten** Sveda-esperanto. P. Ahlberg, Surbrunnsgatan 37, Stockholm . . | Kr. | 2.50 | » | 1.40 |
| **Esperanto**, duonmonata internacia, 8, rue Bovy-Lysberg, Genève . . . | fr. | 3.00 | » | 1.20 |
| **Espero Katolika**, M$^{r}$ Em. Peltier, S$^{te}$ Radegonde (Indre et Loire) France 4 fr., hors France | » | 5.00 | » | 2.00 |
| **Espero Pacifista**, M$^{r}$ Gaston Moch,26,rue de Chartres,Neuilly-sur-Seine (France) . | » | 5.00 | » | 2.00 |
| **Filipina Esperantisto**, Angla-hispana-esperanto P. O. Box 326, Manila (Philippines). | P. | 2.00 | » | . . . |
| **Finna Esperantista**, Ilareio Esperantista, Helsinki, Finnlando . . . . . | Fmk. | 1.50 | » | 1.20 |
| **Germana Esperantisto**,allemand-esp.,MM. Möller & Borel, 95, Prinzenstrasse, Berlin | m$^{k}$ | 3.00 | » | 1.50 |
| **Germana Esperanto-Gazeto**, duonmonata Verlag: H. Wuttke, Pionierstr. Magdeburg | » | 4.00 | » | 2.00 |
| **Helpa Lingvo**, F$^{ino}$ G. Monster, Osterbrogade 54 B, Kopenhago . . . . . | kr. | 1.20 | » | 0.66 |
| **Idealo** Itala-Esp. D$^{ro}$ Vitangelo Nalli Corso Calatafimi 495, Palerme . . . | fr. | 3,00 | » | 1,20 |
| **Internacia Scienca Revuo**, esperanto, 8, rue Bovy-Lysberg, Genève . . . | fr. | 7.00 | » | 2.75 |
| **Internacia Socia Revuo**, esperanto, 45, rue de Saintonge, Paris III$^{a}$ . . . | » | 6.00 | » | 2.40 |
| **Japana Esperantisto**, japonais et esperanto, 3ĉome, Jurakĉo, Kozimacik, Tokio . | y. | 1.60 | » | 1.65 |
| **Juna Esperantisto**, monata gazeto, Presa Esp. Societo, 33, rue Lacépède, Paris. | fr. | 2.50 | » | 1.00 |
| **La Belga Sonorilo**, duonmonata, 53, rue de Ten Bosch, Bruxelles . . . | fr. | 6.00 | » | 2.40 |
| **La Revuo**, esperanto, 79, B$^{d}$ S$^{t}$ Germain, Paris . . . . . . . . | » | 7.00 | » | 2.80 |
| **L'Espérantiste**, français-esp., M$^{r}$ de Beaufront, 4, rue du Gril,Louviers, Eure, (France) | » | 4.00 | » | 1.60 |
| **L'Etoile Espérantiste**, mensuelle. Administration 3, rue Sophie-Germain, Paris | fr. | 2.00 | » | 0 80 |
| **Lingvo Internacia**, mensuel, esperanto, 33, rue Lacépède, Paris, V$^{e}$, . . . | » | 7.50 | » | 3.00 |
| **Lumo**, Bulgara, Ivan Nenkov, Str. Sv. Gorska n$^{o}$ 2299, Tirnova (Bulgario) . . | fr. | 5.00 | » | 2.00 |
| **La Verda Standardo**, esperanto, S$^{ro}$ A. Marich, Ullöi ut 59, Budapest IX . . | Kr. | 4.00 | » | 1.68 |
| **Pola Esperantisto**, esperanto-polonais, 26, Akademicka, Leopolo, (Autriche) . | k. | 2.40 | » | 1.00 |
| **Rusland Esperantisto**, Nikolaerskaja Str. 33, loĝ 24. Peterburgo . . . . | r. | 2.65 | » | 2.50 |
| **Saksa Esperantisto**, redakt. Fritz Stephan in Leipzig . . . . . . | M$^{k}$ | 1.00 | » | 0.50 |
| **Stelo Kataluna**, Rambla S. Isidro, 30, Igualada-Barcelona . . . . . | fr. | 3.00 | » | 1.20 |
| **Suno Hispana**, espagnol-esp., S$^{ro}$ Rafael Duyos, Cirilo Amoros, 28, Valencia . | p. | 3.00 | » | 1.20 |
| **Svisa Espero**, esperanto, M$^{r}$ Renard, 6, rue du Vieux Collège, Genève (Suisse) . | fr. | 2.50 | » | 1.00 |
| **The American Esperanto Journal**, 211, West 126 Str. New York City, N. Y., U. S. A. | d. | 1.00 | » | 2.00 |
| **Tra la Mondo**, illustré, esp., 15, Boulevard des Deux Gares, Meudon S. O. (France) | fr. | 8.00 | » | 3.20 |
| **Verda Stelo**, hispana-esp. A. Vargas 3$^{a}$ del Reloj, n$^{o}$ 12, Mexico, D. F. . . . | p. | 1.00 | » | 2.00 |

2 Février 1908. 2a Februaro 1908. 77a NUMERO. 2n Februari 1908.
6a JARO, 10a numero.




DUONMONATA GAZETO ESPERANTISTA.

# LA BELGA SONORILO

JOURNAL ESPÉRANTISTE BELGE
Bi-Mensuel.

BELGISCH ESPERANTISCH BLAD
verschijnende twee maal per maand

**Oficiala Organo de la « Belga Ligo Esperantista » kaj de la Belgaj Ligaj Grupoj.**

**Organe officiel de la « Ligue Espérantiste Belge » et des Groupes Belges affiliés.**

**Officieel orgaan van den « Belgischen Esperantischen Bond » en der Belgische aangesloten Groepen.**

## POUR NOS LECTEURS.

« The British Esperantist » de Janvier 1908 publie l'avis suivant :

## POR NIAJ GELEGANTOJ.

« The British Esperantist » de Januaro 1908 publikigis la sekvantan avizon :

### DEKLARACIO DE LA ESPERANTISTAJ GAZETISTOJ

akceptita en Bulonjo (1905) ; Ĝenevo (1906) ; Kejmbriĝo (1907).

La subskribintoj, redaktoroj de esperantistaj gazetoj, promesas :

1e Klopodi por atingi en siaj gazetoj kiel eble plej grandan korektecon de la lingvo kaj obeadi la regulojn kaj Fundamenton de la Zamenhofa lingvo Esperanto ;

2e eviti ĉiujn farojn aŭ diskutojn, kiuj celadus iel ajn ŝanĝi la Zamenhofan lingvon ;

3e rekomendi nur eldonaĵojn, verkojn, gazetojn kiuj same obeas la regulojn kaj Fundamenton de la Zamenhofa lingvo ; kaj se ili raportos pri aliaj, almenaŭ montri iliajn neakcepteblajn flankojn.

Al tiu ĉi Deklaracio ĝis nun aliĝis la sekvantaj el la nun ekzistantaj gazetoj esperantistaj :

Lingvo Internacia
Juna Esperantisto
La Revuo
Tra la Mondo
Esperanto Ĵurnalo
Internacia Scienca Revuo
Espero Katolika
Ĉasopis Ĉeskych Esperantisto
Suno Hispana
Bulgara Esperantisto
Pola Esperantisto
Brazila Revuo Esperantista
Laboro
The British Espérantist
Germana Esperantisto
Svisa Espero
Socia Revuo
American Esperanto Journal
Amerika Esperantisto
Esperanta Ligilo.

***

La aliĝo de aliaj esperantistaj gazetoj estas esperata. Sin turni al S[ro] Edm. Privat, ĉe American Esperanto Association, Boulevard station, Boston. Mass.
Estas petate ke ĉiuj gazetoj represu !

***

Parmi les signataires de ce nouveau compromis ne figure pas « La Belga Sonorilo » propriété d'un seul Espérantiste qui aime la liberté pour lui-même autant que pour autrui.

Nous avons reproduit selon sa demande même, l'appel de « The British Esperantist ».

Il nous convient de dire pourquoi « Belga Sonorilo », ne saurait adhérer à de tels compromis.

1° Ce compromis persiste à accréditer la légende d'un « serment de Boulogne » rendant le Fundamento intangible, inchangeable.

Le docteur Seynave et M[r] J. Jamin — dont on ne suspectera ni la bonne foi, ni le dévouement à la cause de la langue internationale, ni l'absolu désintéressement — ont, dans le n° du 5 Janvier dernier de « Belga Sonorilo » rétabli la vérité à ce sujet, vérité simple et logique.

Il peut appartenir à d'autres, de nier cette vérité et de trouver que le « serment de Boulogne » empêche tout examen d'amélioration et même de réforme complète de l'Esperanto.

C'est affaire entre eux et leur conscience.

Mais en ce qui nous concerne personnellement, si nous étions des « eldonistoj » faisant le moindre profit par le moyen de l'Esperanto, nous estimerions devoir nous abstenir dans les discussions qui peuvent compromettre nos sources de bénéfices.

Comme nous estimons que ce sentiment de simple convenance caractérise tous les Espérantistes,nous concluons qu'aucun des signataires du « compromis des gazetistoj » n'a encore, comme nous-même, que du passif dans la balance de l'exploitation de son journal ou de sa revue.

2° Nous ne croyons pas que le progrès a jamais consisté à imiter l'autruche, et à mettre sa tête dans le sable en s'imaginant que parce qu'elle ne voit plus rien, elle est elle-même devenue invisible ; ce n'est pas parce que l'Esperanto fera le silence sur ses défauts, grands ou petits, que ces défauts n'existeront plus, et surtout ne seront plus examinés par les gens de progrès, espérantistes ou non.

Il est pour le moins naïf de s'imaginer que le monde, qui s'occupe de plus en plus de la question de la langue internationale, s'interdira tout droit à l'examen et à la discussion de ce qu'on lui propose.

Il faut, à notre humble avis, examiner toutes les critiques et toutes les propositions, afin d'en tirer avantage.

Déclarer qu'on s'engage à éviter tout acte ou toute discussion qui viserait un changement quel qu'il soit dans la langue de Zamenhof, c'est avoir la prétention un peu bien grande, que les « eldonistoj » d'œuvres espérantistes et de dictionnaires idem, ont reçu l'inspiration divine et n'ont produit que des chefs d'œuvre. Un peu plus d'humilité serait de raison, la vérité étant que l'esprit de la langue auxiliaire internationale ne se dégage que lente-

***

Inter la skribsignintoj de tiu nova interkonsento oni ne vidas « La Belgan Sonorilon », proprajôn de unu nura Esperantisto, kiu amas liberecon tiel por si-mem, kiel por aliaj.

Laŭ ĝia deziro mem, ni reproduktis la alvokon de « The British Esperantist ».

Ni deziras diri kial Belga Sonorilo ne povus aliĝi al tiaj proponoj.

1[e] Tiu konsento persistas disvastigi legendon pri « jeĵuro de Boulogne » farigante la Fundamenton netuŝeblan, neŝanĝeblan.

Doktoro Seynave kaj J. Jamin — de kiuj oni suspektos nek la bonfidon, nek la sindonemon al la kaŭzo de la internacia lingvo, nek la absolutan malprofitemecon — restarigis, en la n° de la 5[a] Januaro de « Belga Sonorilo », la veron pri tio, veron simplan kaj logikan.

Aliaj povas neigi tiun veron, kaj opinii ke la « jeĵuro de Boulogne » malhelpas ian ekzamenon pri plibonigo aŭ eĉ pri plena reformo de Esperanto.

Estas nur afero inter ili mem kaj ilia konscienco.

Sed pri ni, persone, se ni estus « eldonistoj » kaj ricevus la plej malgrandan profiton per Esperanto, ni opinius ke nia devo estus ne partopreni al la diskutoj kiuj povus komprometi niajn fontojn de profito.

Ĉar ni opinias ke tiu sento de simpla oportuneco karakterizas ĉiujn Esperantistojn, ni konkludas ke ĉiu el la skribsignintoj de la « akordo de la gazetistoj » havas nur, kiel ni mem, pasivon en la bilanco de la ekspluato de lia ĵurnalo aŭ de lia revuo.

2[e] Ni ne kredas ke la progreso iam konsistis en imitado de la struto, kiu metas sian kapon en sablo opiniante ke, ĉar ĝi plu nenion vidas, ĝi mem fariĝis nevidebla ; ĉu la difektoj de Esperanto, gravaj aŭ malgravaj ne plu ekzistos nur pro tio ke Esperanto silentus pri ili ? Ĉu tia silento malhelpos ke tiuj difektoj estos ekzamenataj de la progresemuloj, esperantistaj aŭ ne.

Estas almenaŭ naiva, opinii ke la mondo, kiu interesiĝas pli kaj pli al la demando pri internacia lingvo, malpermesos al si mem ĉiun rajton pri la ekzameno kaj la diskuto de tio, kion oni proponas al ĝi.

Estas necesa, laŭ nia humila opinio, ekzameni ĉiujn kritikojn kaj ĉiujn proponojn por eltiri el ili ian utilon, se eble.

Deklaracii ke oni promesas eviti ĉiun agon aŭ ĉiun diskuton, kiu celus ŝanĝon, kia ajn ĝi estus, en la Zamenhofa lingvo, tio estas havi la pretendon, iom tre grandan, ke la eldonistoj de verkoj kaj vortaroj esperantistaj ricevis la dian inspiron kaj produktis nur ĉefverkojn. Iom pli da humileco bone taŭgus ; la vero estas ke la spirito de la internacia helpanta lingvo sin montras nur malrapide ; la nuna generacio ne konos ĝin en ĝia pleneco.

ment, et que ce n'est pas la génération actuelle qui le connaîtra dans sa plénitude.

Quoi qu'il en soit, il est certain que, parmi les signataires de la déclaration reproduite par « The British Esperantist », il en est qui ont dû faire erreur sur la portée de cette déclaration.

Nous ajoutons, sans crainte d'être démentis, que parmi les signataires du « compromis des gazetistoj », il en est qui n'ont signé que sous la menace d'être « boycottés »; nous avons de celà les preuves écrites.

Les lecteurs de « La Belga Sonorilo » ne nous en voudront pas de marquer un profond dédain pour de telles menaces, d'où qu'elles viennent.

3e « Internacia Scienca Revuo » et « Esperanto-Ĵurnalo » n'ont pas considéré que la Deklaracio de l' gazetistoj, signée par eux, les empêchaient de prendre intérêt aux propositions de la Délégation, d'en parler et de s'efforcer à trouver un terrain d'entente au lieu d'essayer de jeter l'excommunication et le discrédit sur la Délégation et sur les défenseurs du libre examen.

4e Le 3me paragraphe de la Déclaration des gazetistoj a vraiment les allures d'un « *trust* » de lanceurs d'affaires, pour ne pas dire plus.

***

« Belga Sonorilo » continuera la bataille qu'elle a commencée longtemps avant la plupart des signataires du « compromis des gazetistoj ».

Elle la continuera avec le même désintéressement ; elle continuera à faire connaître l'existence des confrères qui ont déjà — tel « The British Esperantist » — décidé de ne même plus citer son nom.

Elle sera — et heureusement elle ne sera pas la seule à ainsi faire - elle sera le défenseur du libre examen.

La Délégation pour le choix d'une langue auxiliaire internationale est au travail ; dans quelques mois elle présentera le résultat de ce travail ; au lieu de n'en pas parler, nous mettons de notre mieux nos lecteurs à même d'apprécier l'importance du rôle de la Délégation, afin que nos lecteurs sachent, en connaissance de cause, prendre toute décision le moment venu.

« Belga Sonorilo » se réclame de la qualité d'Espérantiste ; elle n'impose rien, tout comme elle se refuse de se laisser imposer quoi que ce soit par qui que ce soit.

« Belga Sonorilo » mènera, en Espérantiste,toute la campagne qui s'annonce ; si la Délégation publie un journal rédigé dans la langue qu'elle préconise, c'est-à-dire en Esperanto mis au point, « Belga Sonorilo » continuera à employer l'Esperanto, durant que la langue de la Délégation fera ses preuves ; tout en employant l'Esperanto actuel, et en introduisant éventuellement les améliorations que le Lingva Komitato croirait pouvoir proposer, nous citerons aussi des textes en « Esperanto mis au point ».

Ce faisant nous marquerons à la fois notre respect à nos lecteurs, et nos respects au progrès, au progrès qu'on ne nie que quand il fait mal à un amour-propre d'autaut plus aisément froissable s'il se confond avec quelqu'autre facteur d'intérêt personnel.

En ĉiu okazo, estas certe ke, inter la skribsignintoj de la deklaracio reproduktita en « The British Esperantist » iaj certe ne konsideris ĝin kiel vere grava.

Ni aldonos, sen timo de neigo, ke inter la skribsignintoj de la « akordo de gazetistoj » iuj skribsignis nur sub la minaco de « bojkoto » ; de tio ni havas skribitajn pruvojn.

La gelegantoj de « Belga Sonorilo » ne malestimos nin ĉar ni montras plenan malŝaton por tiaj minacoj, de kie ajn ili venas.

3e « Internacia Scienca Revuo » kaj « Esperanto-Ĵurnalo » ne konsideris ke la Deklaracio de l' gazetistoj, skribsignita de ili, malpermesus al ili interesiĝi al la proponoj de la Delegacio, paroli pri tio kaj peni por akiro de konsentema kampo, anstataŭ provi la instigon de ekskomuniko aŭ senkrediteco al la Delegacio kaj al la defendantoj de la libera opinio.

4e La 3a paragrafo de la Deklaracio de l' gazetistoj havas vere ŝajnon de « *trust* » de aferistoj, por ne pli diri.

***

« Belga Sonorilo » daŭrigos la batalon, kiun ĝi komencis longatempe antaŭ la plimulto el la skribsignintoj de la « akordo de la gazetistoj ».

Ĝi daŭrigos kun la sama malprofitemeco ; ĝi daŭrigos konatigi la ekziston de kunfratoj, kiuj decidis — tiel « The British Esperantist » — ne plu mem citi ĝian nomon.

Ĝi estos — kaj feliĉe ĝi ne estos sola por tiel fari — ĝi estos la defendisto de la libera ekzamenspirito.

La Delegacio por elekto de internacia helpanta lingvo laboras ; post kelkaj monatoj ĝi prezentos la rezultaton de tiu laboro ; anstataŭ ne plu paroli pri ĝi, ni instruas kiel eble la plej bone niajn gelegantojn por ke ili ŝatu la gravecon de la rolo de la Delegacio, kaj por ke ili povu elekti decidon, plensciante, kiam la momento estos oportuna.

« Belga Sonorilo » postulas por si la kvaliton de Esperantisto ; ĝi altrudas nenion al iu ajn kiel ĝi rifuzas ke iu ajn altrudu al ĝi ion ajn.

« Belga Sonorilo » kondukos Esperante la tutan klopodajon, kiu sin anoncas ; se la Delegacio eldonas jurnalon redaktatan en la lingvo, kiun ĝi proponas, estas diri per Esperanto plibonigita, « Belga Sonorilo » daŭros uzi Esperanton, dum ke la lingvo de la Delegacio faros siajn proprajn provojn ; uzante la nunan Esperanton kaj enkondukante eventuale en ĝi la plibonigojn, kiujn la Lingva Komitato opinius proponi, ni citos ankaŭ tekstojn verkitajn en « plibonigita Esperanto ».

Tiel farante, ni montros samtempe nian respekton por niaj gelegantoj, kaj niajn respektojn por la progreso, por la progreso, kiun oni neigas nur kiam ĝi doloras memestimon, tiom pli facile dolorema se ĝi miksiĝas kun ia alia aganto de persona intereso.

Nous demeurons Esperantisto ; nous refusons de devenir Esperantistaĉo. Et nous aurons avec nous le monde espérantiste libre.

***

Notre souhait est que l'entente — qui est toujours possible — se fasse entre l'Esperantistaro et la Délégation, par le moyen de concessions mutuelles acceptables.

B. S.

Ni restos Esperantisto; ni rifuzos fariĝi Esperantistaĉo. Kaj kun ni estos la libera Esperantista mondo.

***

Nia sincera deziro estas ke la interkonsento — kiu estas ankoraŭ ebla — fariĝu inter la Esperantistaro kaj la Delegacio, per reciprokaj akcepteblaj cedoj.

B. S.

## LA DÉRIVATION EN ESPERANTO.

Nous finissions notre précédent article par ces mots : « une dame qui fleurit sa table, un monsieur qui fleurit sa boutonnière, emploieront le mot « florizi » = garnir de fleurs.

Mais si l'on veut parler d'une plante qui fleurit, on ne pourra employer le mot « florizi ».

***

En effet une plante qui fleurit ne garnit pas quelque chose; elle n'est pas garnie par quelqu'un; elle engendre des fleurs et se garnit elle-même.

Cette idée « engendrer, produire, sécréter... » est nettement différente de celle de « garnir, enduire, munir, assaisonner... ».

Elle est, d'autre part, d'une grande fréquence ; dès lors elle appelle un affixe spécial, que ne possède pas, malheureusement, l'Esperanto actuel.

Les dictionnaires donnent, dans ce cas encore, tantôt des verbes immédiatement dérivés, tantôt des verbes composés au moyen des suffixes ig ou iĝ, tantôt à la fois les formes immédiates et médiates.

Exemples :

| | | | |
|---|---|---|---|
| | burĝoni | = | bourgeonner, engendrer des bourgeons ; |
| | flami | = | flamber, engendrer des flammes ; |
| | flori | = | fleurir, engendrer des fleurs ; |
| | fabli | = | faire des fables ; |
| | rimi | = | produire des rimes ; |
| | versi | = | versifier, faire des vers ; |
| | perli | = | perler, former des perles ; |
| | nesti | = | nicher, créer un nid ; |
| avec | nestiĝi | = | même signification que nesti ; |
| | fumi | = | fumer,(action d'un fumeur), aspirer et rejeter [de la fumée ; |
| avec | fumiĝi | = | fumer, (action d'une cheminée) ; aspirer et [rejeter de la fumée ; |
| | sangi | = | saigner, sécréter du sang ; |
| avec | sangadi | = | même signification que sangi ; |
| | guti | = | goutter, dégoutter, laisser tomber des [gouttes ; |
| avec | gutigi | = | même signification que guti. |

. . . . . . . . . . . . . . . . . . . .

La série d'exemples ci-dessus montre un désordre trop réel dans l'expression d'une idée non moins nette.

Le remède agréable et facile à ce défaut certain consiste à adopter un affixe qui signifiera « engendrer, produire, sécréter... ».

Un tel affixe existe dans les langues naturelles, sous la forme « *ific* », venant du radical latin *fac* (facere = faire).

## DEVENO EN ESPERANTO.

Ni finis nian antaŭan artikolon dirante : « Sinjorino kiu ornamas sian tablon per floroj, sinjoro kiu metas floron en sia butontruo, uzos la vorton « florizi ».

Sed se oni parolas pri planto kiu naskas florojn, oni ne povos uzi la verbon « florizi ».

***

Efektive, planto kiu naskas florojn ne ornamas ion ; ĝi ne estas garnita de iu ; ĝi naskas ion, florojn, kaj ornamiĝas sin-mem.

Tiu ideo « naski, produkti, sekrecii... » estas klare malsama de « ornami, ŝirmi, provizi, spici... ».

Ĝi estas, aliparte, tre ofta ; konsekvence ĝi postulas specialan afikson, kiun ne havas, bedaŭrinde, la nuna Esperanto.

Niaj vortaroj montras, ankaŭ en tiu kazo, jen verbojn senpere devenatajn, jen verbojn kunmetitajn per sufiksoj ig aŭ iĝ, jen samtempe la formojn senperajn kaj perajn.

Ekzemploj :

| | | | |
|---|---|---|---|
| | burĝoni | = | naski burĝonojn ; |
| | flami | = | naski flamojn ; |
| | flori | = | naski florojn ; |
| | fabli | = | verki fablojn ; |
| | rimi | = | aranĝi rimojn ; |
| | versi | = | verki versojn ; |
| | perli | = | formigi perlojn; |
| | nesti | = | starigi, krei neston ; |
| kaj | nestiĝi | = | sama signifo kiel nesti ; |
| | fumi | = | ago de fumanto, enspiri kaj elspiri fumon ; |
| kaj | fumiĝi | = | ago de kameno, enspiri kaj elspiri fumon ; |
| | sangi | = | sekrecii sangon ; |
| kaj | sangadi | = | sama signifo kiel sangi; |
| | guti | = | faligi gutojn, ŝviti ; |
| kaj | gutigi | = | sama signifo kiel guti. |

. . . . . . . . . . . . . . . . . . . .

La supra serio da ekzemploj montras tro realan malordon en la esprimo de ideo mirege klara.

La agrabla kaj facila rimedo por tiu certa difekto estas en la alpreno de speciala afikso, kiu signifos « naski, produkti, sekrecii... ».

Tia afikso ekzistas en la naturaj lingvoj sub la formo « *ific* », venanta el la latina radiko *fac* (facere = fari).

L'Idiom neutral a adopté l'affixe *ifik* ; en français nous avons les mots :

Idiom neutral alprenis la afikson *ifik* ; en franca lingvo ni havas la vortojn :

fructifier, versifier, fortifier, appétitif, aperitif, dormitif, acidifier, acidifiant, actif, afflictif, agglunitatif, agranditif, agrégatif, amplifier, amplificatif ; approbatif, artifice, augmentatif, diminutif, privatif, abortif, béatifier, béatifique, calorifique, destructif, définitif, refrigératif, etc., etc.

En anglais (angle) : fructify, versify, fortify, dormitive, acidify, augmentative, diminutive, calorific, etc., etc.

Mr Beermann, dans son Novilatin, (examiné et discuté par le comité de la Délégation pour le choix d'une langue auxiliaire internationale), adope *ifik* comme suffixe d'adjectif, et *ificir* comme suffixe verbal, toujours dans le sens de *ig*.

*Ido* et *Antido* adoptent tous deux *if* avec la signification « engendrer, produire, sécréter. . ».

Il faudrait être d'un conservatisme atteignant l'absolu dans l'indécrottable et l'hypertrophie dans l'encroûtement, pour ne pas introduire de suite, en Esperanto, l'affixe *if* avec la signification « *engendrer, produire, sécréter...* ».

Et l'on aura les termes logiques suivants : *flamifi, florifi, fablifi, nestifi, rimifi, versifi, gutifi, perlifi, sangifi* (saigner, laisser couler du sang, au lieu de l'actuel sangellasi), *urinifi, sterkifi, fabelifi, nodifi* (faire un nœud, avec *nodizi* = garnir de nœuds), *frajifi* (frayer, engendrer le frai, en parlant des poissons), *fumifi, larmifi, ondifi* (produire des vagues), *pusifi* (sécréter du pus), *ovifi* (pondre), *saŭmifi* (écumer), *vaporifi* (produire de la vapeur, différent de *vaporigi*, rendre vapeur, vaporiser), *zigzagifi, burĝonifi*, etc., etc.

Actuellement pour pondre on dit : *naski, demeti ovojn* ; on a reculé devant *ovi* tout court ; avec *ovifi* (engendrer un œuf ou des œufs) qui ne verra que la logique est pleinement et simplement satisfaite ? Tant pis pour ceux que la logique gène ; nous disons logique, et non pas dialectique et logomachie.

En adoptant le suffixe *if*, on aurait des verbes neutres dont les substantifs d'action seraient des dérivés immédiats, savoir : *flamifo, florifo* (floraison), *versifo* etc. pas plus longs que les actuels et illogiques *florado, versado*, etc.

Il est absurde de traduire, comme on le fait actuellement, floraison par *florado*, car floraison n'est pas le fréquentatif ou le répétitif ou la durée de *floro* = fleur ; une fleur est un objet concret, et à un objet concret on n'accole pas *ad*, affixe de durée.

De même *sangifo* = saignement satisfera les gens de bon sens ordinaire, que ne peut satisfaire *sangado* = saignement, car *sangado* ne peut être le fréquentatif de *sango* = sang ; *sango* est une chose concrète, donc n'admet pas d'affixe de durée.

Enfin on aura soin de ne pas employer if comme radical ; on emploiera fari ou fabriki.

***

Dans les contes de fées on assiste à des transformations fantaisistes, on voit tel sorcier transformer un homme en fleur ; on voit tel objet qui semble se transformer spontanément en fleur.

Ici encore se présentent deux choses à faire pour

Sro Beermann, en sia Novilatin (ekzamenita kaj diskutita en la komitato de la Delegacio por elekto de internacia helpanta lingvo), akceptas *ifik* kiel adjektiva sufikso kaj *ificir* kiel verba sufikso, ĉiam por la senco de *ig*.

*Ido* kaj *Antido* ambaŭ akceptas *if* kun signifo « naski, produkti, sekrecii... ».

Nur homo blindigita per ia konservatismo atinganta la absolutan nepurigeblecon kaj la hipertrofecon de l' krustaĉo, ne enkondukos tuje, en Esperanto, la afikson *if* kun senco de « naski, produkti, sekrecii... ».

La aliaj ricevos la jenajn logikajn formojn : flamifi, florifi, fablifi, nestifi, rimifi, versifi, gutifi, perlifi, sangifi (ellasi sangon, anstataŭ la nuna sangellasi) urinifi, sterkifi, fabelifi, nodifi (fari nodon, kun nodizi = provizi per nodoj), frajifi (naski frajon, kiam oni parolas pri fiŝoj), fumifi, larmifi, ondifi (produkti ondojn) pusifi (sekrecii puson) ovifi (naski ovojn) ŝaŭmifi (produkti ŝaŭmon) vaporifi (produkti vaporon, kiu diferenciĝas de vaporigi = igi vaporon) zigzagifi, burĝonifi, k. c., k. c.

Nune oni diras : naski, demiti ovojn ; oni ne kuraĝis uzi la vorton *ovi* sen plu ; se oni akceptas ovifi (naski ovon aŭ ovojn), kiu ne vidos ke la logikeco estos plene kaj simple kontentigita ? Tiom plimalbone por tiuj, kiujn la logikeco embarasas ; ni diras logikecon kaj tute ne dialektikon aŭ « logomakion » (disputaĉo pri vortoj).

Akceptante la sufikson if, oni ricevus neŭtrajn verbojn, de kiuj la agemaj substantivoj estus senperaj devenaĵoj, ekzemple : flamifo, florifo, versifo, k. c. ne pli longaj ol la nunaj kaj nelogikaj : florado, versado, k. c.

Estas absurda traduki, kiel oni faras nune, la francan « *floraison* » per florado, ĉar tiu-ĉi vorto estas nek la ofteco, nek la ripeto, nek la daŭro de floro ; floro estas konkreta objekto, kaj al konkreta objekto oni ne povas afiksi ad, kiu signifas daŭron.

Same, la vorto sangifo kontentigos la homojn ŝage kaj sane opiniantajn, kiujn ne povas kontentigi la vorto sangado, ĉar sangado ne povas esti la ofteco de sango ; sango estas konkretaĵo, konsekvence ĝi ne akceptas ian afikson pri daŭro.

Fine, oni atentos ne uzi la afikson if kiel radikon ; oni uzos la formojn : fari aŭ fabriki.

***

En la feaj rakontoj, fantaziaj aliformigoj okazas ; oni vidas feon aliformigi homon je floro ; oni vidas objekton kiu ŝajnas propramove aliformiĝi je floro.

Tie ĉi ankoraŭ, du agoj sin prezentas al tiu, kiu

celui qui considère cet objet concret : floro = une fleur.

Il peut envisager l'action de « rendre fleur, faire fleur, transformer en fleur... », et l'action de « devenir fleur... ».

Par convention ces idées se traduiront respectivement par *ig* et *iĝ*, et l'on aura les règles suivantes :

1° « Le suffixe *ig*, joint à un radical nominal (substantif ou adjectif), forme des verbes actifs qui signifient « rendre tel, transformer, mettre dans l'état de, sous forme de... ».

Exemples : *florigi* = transformer en fleur ; *virigi* = rendre homme ; *fiancigi* = fiancer ; *purigi* = rendre propre.

2° « Le suffixe *iĝ* joint à un radical nominal (substantif ou adjectif) forme des verbes neutres qui signifient « devenir tel... ».

Exemples : *floriĝi* = devenir fleur ; *viriĝi* = devenir homme ; *paliĝi* = devenir pâle.

***

Les suffixes *ig* et *iĝ* dont nous venons de donner le rôle quand on les accole à des radicaux nominaux, peuvent aussi s'accoler à des radicaux verbaux.

Nous examinerons ce cas dans notre prochain article.

B. S.

konsideras tiun konkretan objekton, « floron ».

Li povas konsideri la agon « igi floron, fari floron, aliformigi en floro... » kaj la agon « iĝi floro ».

Laŭ interkonsento, tiuj ideoj estos tradukataj per ig aŭ iĝ, kaj oni ricevos la sekvantajn regulojn :

1ª « La sufikso ig, kunmetita kun neverba radiko (substantiva aŭ adjektiva), formas aktivajn verbojn, kiuj signifas « igi tion, aliformigi je, enkonduki en stato de, sub formo de ».

Ekzemploj : florigi = aliformigi en floro ; virigi = igi viron ; fiancigi = igi fiancon ; purigi = igi pura.

2ª « La sufikso iĝ, kunmetita kun neverba radiko (substantiva aŭ adjektiva) formas neŭtrajn verbojn, kiuj signifas « fariĝi tia ».

Ekzemploj : floriĝi = esti ŝanĝata en floro ; viriĝi = esti ŝanĝata en viro ; paliĝi = esti farata pala.

***

La sufiksoj ig kaj iĝ, de kiuj ni ĵus montris la rolon kiam oni ilin kunigas al neverbaj radikoj, povas ankaŭ kuniĝi al verbaj radikoj.

Ni ekzamenos tiun kazon en nia venonta artikolo.

B. S.

## Esperantista Lingva Komitato.

El la 11ª cirkulero de la prezidanto de la E. L. K. ni ĉerpas la sekvantajn sciigojn :

3e. Pri la traktado kun la Delegacia Komitato por enkonduko de ŝanĝoj en Esperanto, la opinioj dividiĝis laŭ diversaj direktoj.

. . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . .

Nun, pri la demando mem, 8 el la 61 respondintoj ne sentis sin sufiĉe informitaj kaj ne esprimis klare sian opinion. 8 tre klare kaj tre energie respondis, ke oni devas danki la Delegacian Komitaton, pro la neesperebla okazo, kiun ĝi naskis, forigi el la lingvo ĉiujn ĝiajn malbonaĵojn, kaj ke la kompetenteco kaj aŭtoritateco de la Delegacia Komitato certigas la plenan sukceson de reformo, kiun la Esperantistoj kvazaŭ enkatenitaj de la Bulonja Deklaracio, tiu bedaŭrindega baro kontraŭ ĉiu natura evolucio de la lingvo, ne povus mem efektivigi.

Aliparte 11 esprimis la deziron ke oni faru kelkajn ŝanĝojn en Esperanto kaj interkonsentu pri tio kun la Delegacio Komitato ; sed ili petis samtempe :

1e ke tiuj ŝanĝoj estu serioze kaj mature pripensitaj de la Lingva Komitato,

2e ke ili estu kiel eble plej malmultaj (nur pri certaj kaj netolereblaj maloportunaĵoj de la lingvo, se ekzistas tiaj),

3e ke lli konsistu prefere el aldonoj ol el forigoj kaj pozitivaj ŝanĝoj.

Fine la 34 ceteraj opiniis, ke oni ne devas trakti kun la Delegacia Komitato......

*Tridek kvar......* ni notu tiun nombron por la Historio. La Esperantista Lingva Komitato enhavas cirkaŭ centon da membroj kaj 61 el ili respondis.

Certe almenaŭ duono de la Komitato ne komprenas la gravecon de la Delegacio, eĉ grandnombro ne konas ĉu la rolon, ĉu la ĝisnunan agon de la Delegacio, tion ni konstatas en la citita cirkulero, kie ni legis :

«... la Delegacia Komitato ne havas sufiĉan aŭtoritaton por ke ĝiaj decidoj estu ĝenerale akceptitaj, kaj ke ĝiaj raportantoj ne konas la tuton de la demando pri la Universala Lingvo..... » (opinio de kelkaj el la 34).

Feliĉe la estimata prezidanto ne opinias same kaj proponis al Doktoro Zamenhof « daŭrigi korespondadon kun la Prezidanto kaj ĉefaj membroj de la Konstanta komisio de la Delegacio, por pli klare starigi la kondiĉojn de ebla interkonsento ».

Krom la 34, ĉiuj deziras tiun interkonsenton.

## BELGA LIGO ESPERANTISTA.

La Komitato de la Ligo kunvenos en Bruselo dum la dimanĉo 9ª de Februaro.

---

La grupo « Esperanto » el Spa elektis Fraŭlinon Tombeur, kiel delegitino de l' grupo al la Komitato de la Ligo.

Sroj Lamb. Delvaux, kaj Dés. Heyne estas delegitaj de la Karloreĝa Grupo Esperantista.

---

Sro L. Lambert sendis al la Ligo sian ĉiujaran kotizaĵon da cent frankoj ; li ricevu la dankon de ĉiuj niaj samideanoj.

## TRA LA MONDO ESPERANTISTA

### KELKLINIAJ NOVAĴOJ.

Ni ricevis la unuan numeron de malgranda revuo RO, en angla lingvo, kiu traktos la demandon pri « la libera diskuto de la Internacia Lingvo ».

Adreso de RO estas : 15 East 7th Str. Cincinnati, Ohio, U. S. A.

La Centra Oficejo, 51 rue de Clichy, Paris, eldonis « Elĉerpojn el artikoloj de diversaj anglaj ĵurnaloj » pri la Tria Kongreso (teksto en angla lingvo). La kajero enhavas 86 artikolojn aperitajn de la 10a ĝis la 24a de Aŭgusto 1907. Ĝi taŭgas por efikan propagadon. Bedaŭrinde ni ne povas sciigi pri la kosto.

La 28an de Decembro la « Unua Virina grupo de l' Esperantista Klubo en Praha » aranĝis paroladon de Sroj Krumpholc kaj Moraviv, kiuj ambaŭ ĉeestis en la du lastaj kongresoj. Kelkaj profesoroj de la Universitato multe interesiĝis kaj la aŭdantaro rekompencis per aplaŭdo la inteligentan iniciativon de la Virina grupo.

Sro Gustave Roy, profesoro de la Kolegio de St Girons (Ariège, Franclando), projektis fondon de neŭtra Esperanto-lando en neŭtra urbeto Moresnet, ĉe la limo germana-belga. Tiuj, kiuj interesiĝas al tia projekto, bonvolu sin turni al Sro Roy ; persone ni ne klare vidas Esperantan kolonion en urbeto Moresnet...

Eble la grupo el « Verviers » povus sciigi nin pri la realigebleco de tiu projekto.

Alian projekton, pli delogantan, prezentis Sro F. Houssais, profesoro de la Liceo de Bourges (Cher, Franclando). Ĝi konsistas en formigo de de vojaĝantaj grupoj, en kiuj unu aŭ du grupanoj parolus la lingvon de la vizitotaj landoj ; inter si la grupanoj nur parolos Esperanton. Tiu, kiu deziras helpi Sro Houssais, bonvolu sin turni al la suprecitita adreso, ĉar starigo de tiaj grupoj ne fariĝos sen klopodoj.

La grupoj aliĝitaj al la British Esperanto Association atingis la centon ; oni memoros ke antaŭ kvar jaroj, ekzistis nur unu grupo, ĝi estis la grupo de Keighley.

Ni ricevis ankaŭ sciigon pri la fondo de la unua grupo en Portugalo. Ĝia adreso estas : Porta grupo esperantista, Largo do Laranjal, Porto.

---

## " NI RESTOS FIDELAJ "

Ni reproduktas sube la belan kaj nekaŝeman artikolon de Sro R. de Saussure, direktoro de la Scienca Oficejo.

Kun li ni diros ke, en Esperantujo, ekzistas neniu policano ; tiuj, kiuj nune elektis tiun rolon, estas junaj aktoroj kaj nesufiĉe spertaj. La timigilo, kiun ili terure svingas, eble timigos kelkajn novajn adeptojn sed ne atingos tiujn,kiuj estas vere fidelaj.

« Antaŭ unu monato proksimume, *Lingvo Internacia* publikigis artikolon sub la ĉi supra titolo. Neniu iam dubis pri la fideleco de la plej malnova gazeto Esperantista ; oni do devige demandis sin : Ĉu aliaj gazetoj Esperantistaj fariĝis malfidelaj al nia afero ?

Kvankam tia demando estus en ordinaraj cirkonstancoj tute superflua, kaj estas verŝajne ankaŭ superflua nun, tamen la demando estas sufiĉe grava kaj la diskutoj sufiĉe akraj por ke ni penu forigi ĉian dubon pri nia fideleco. Ni esperas, ke ĉiuj aliaj Esperantistaj gazetoj faros la saman deklaracion por ke ĉiu komprenu ke niaj interdiskutoj pri la oportuneco de iuj aŭ aliaj reformoj en la lingvon tute ne malhelpas nian fundamentan unuecon.

Efektive, la fideleco de iu ajn individua Esperantisto ne konsistas en ĝiaj personaj opinioj pri la oportuneco de iu aŭ alia reformo en la lingvon komunan aŭ teknikan sed en la *submeto* de tiuj personaj opinioj al la ĝenerala utilo kaj profito de Esperanto.

Esperantujo estas lando, kie ĉiu Esperantisto povas libere esprimi siajn personajn preferojn, sed oni devas despli atenti kaj eviti la danĝeron de anarkio ke Esperantujo ne havas leĝdonan parlamenton de regule elektitaj delegatoj kun oficiala mandato por reprezenti la Esperantistaron. Ni do povas eviti anarkion nur se ni scias konduti kiel liberaj landanoj de libera lando ; en tiaj landoj ĉiu loĝanto havas plenan liberecon tiel longe kiam li ne ofendas *la liberecon de la aliaj loĝantoj* ; nur se li forgesas tion, la policanoj rememorigas ĝin al li. Nu, en Esperantujo ekzistas neniu policano : ni do devas mem rememorigi al ni la limon de nia libereco : libera esprimo de niaj preferoj personaj pri la lingvo sed submeto de ĝi al la ĝenerala opinio. Laŭ tiu difino ĉiu Esperantisto, ĉiu gazeto aŭ komitato Esperantista povis fari proponojn pri reformoj sed ĝi ne povas mem enkonduki ilin almenaŭ se ĝi deziras konservi la nomon « Esperantista ». Tia estas la fundamento de nia fideleco.

Sed ekzistas ankoraŭ alia fideleco, kiun ni eble tro forgesas en la nunaj cirkonstancoj, kiam ĝi estas plej necesa : la fideleco al la *interna ideo* de Esperanto, tiu interna ideo kiun ni sentas forte dum la universalaj kongresoj sed kiu iom paliĝas en la intertempo, tiu ideo kiun ne povas kompreni la personoj kiuj ne ĉeestas niajn kunvenojn, ĉar nur tie oni sentas la realecon de la nova sento kiu reprezentas la estontan homaron. Kompare kun tio, kiom malgravaj kaj malgrandaj aperas niaj nunaj diskutoj pri novaj sufiksoj aŭ nova alfabeto. Tiaj diskutoj estas certe interesaj kaj utilaj ĉar ni devas peni por ke nia lingvo fariĝu kiel eble plej perfekta kaj se ni deziras fari kelkajn plibonigojn ni ne devas atendi ĝis kiam tio fariĝos jam ne ebla ; sed la sukceso de nia afero tute ne dependas de ili, kiel kelkaj personoj provas kredigi al ni.

Ni memoru ke la plej certa rimedo por atingi la finan sukceson estas la fideleco ne nur al nia lingvo sed al ĝia interna ideo. Al ĝi precipe ni restos fidelaj por ke nia intelekta libereco ne pereigu nian moralan unuecon ».

R. DE SAUSSURE.

---

## EL LA GAZETOJ.

Eltiraĵo el gazeto « Esperanto » numero 22 — 23, artikolo : *Rerigardo* de Hector Hodler :

« La plej lasta okazintaĵo estis la decido de la Delegitaro por la alpreno de lingvo internacia, Nia lingvo estis elektita de la komitato de la dirita Delegitaro, kiu reprezentas grandan nombron da societoj kaj homoj eminentaj, kiuj sekve de tiu decido fariĝis jam Esperantistoj. Tiu decido elvokis diversajn gravajn demandojn, kiuj estas nun metataj al la atento de la Esperantistaro, kaj kelkaj interdiskutojn, sed ĉio finiĝos verŝajne per dezirinda interkonsento, kiu estos efektivigebla kiam ni posedos taŭgan organizaĵon. La lastaj okazintaĵoj efektive montris al ni la utilecon de internacia organizo de la Esperantistaro. Nia movado reprezentas difinitan kolekton da homoj kunigitaj por la sama celo, celo kiu postulas unuecon kaj kunagadon. Ĝis nun nia entrepreno estis afero de propagando ĉefe individua, sed nun ĝi eniras la vojon de la praktikaj aplikaĵoj, ĉu pure fakaj, ĉu esence internaciaj kaj ĝeneralaj, kiel ekzemple la starigo de la konsuloj kaj Esperanto-Oficejoj. Por tio ĉi estus tre utila difinita oficiala reprezentantaro de la Esperantistoj, kiuj estas organizitaj loke aŭ nacie sed ne ankoraŭ internacie. Per tio nia movado ricevos pli da efektiva unueco kaj graveco, pli da ordo kaj vivo.

Disvastigi kaj utiligi la peresperantajn entreprenojn, rekte puŝi Esperanton en la vojon praktikan, labori kune por la efektivigo de taŭga organizo, jen nia tasko por la nun venanta jaro. Ni ĝin faru en plena konsento, kun spirito de reciproka toleremeco, rememorigante al ni ke antaŭ ĉio estas dezirinda ne la unueco de la opinioj, sed la unueco de la spirito de l' diskutado. »

H. H.

## LINGVA FAKO.

Sub tiu titolo, la gazeto « *Esperanto* » klarigas, por ĝiaj legantoj, iajn gramatikajn aŭ lingvajn demandojn. Pri tio oni povus miri, ĉar la gazeto subsignis la « Akordon de la ĵurnalistoj », kiuj sin altrudas silenton kaj religian disciplinon. Nu, la redaktoroj certe ricevos severajn riproĉojn de la « plej alta kolegio » ĉar ili konsilas enkonduko ı de la sufikso *iv* proponita de la projektoj Ido kaj Antido.

Atenci la « Sanktan misteron » de la Akordo. Ve ! ve ! ve al vi !

« *Pri la formoj en -ino anstataŭ -ulino.* — Laŭ nia opinio la vorto *virgino, karino, perfidino*, k. t. p. ne estas kontraŭ la Fundamento, ĉar, kiel vi diras, oni povas kompreni virgino = virga ino ; karino = kara ino, k. t. p. La vorton *virgino* jam uzis Sro Grabowski en sia « Antologio », klasika verko de nia literaturo kaj rimarkinda pro ĝia bona stilo.

*Pri la sufikso ebl.* — Ni jam diris, ke, post verbo netransitiva, la sufikso *ebl*. laŭ nia opinio, ne estas uzebla ; en la senco aktiva oni ĝis nun uzis *em*, kvankam tio ne estas tute ĝusta. Via opinio, ke *vivpova* estas pli ĝusta ol povema estas prava ; kiel vi diras, oni povus postmeti la radikon *pov* por montri, ke io povas .. (ekz.: vivpova, mortpova, ĉarmpova), sed tiuj formoj estus tre pezaj kaj neoportunaj ; plie ili ne ĉiam liveras ĝustan signifon, ĉar la senco de la esperanta verbo *povi* estas tre elasta. Pro tio la enkonduko de speciala sufikso ŝajnas al ni dezirinda ; en tiu direkto oni povus provi la uzon de la sufikso *-iv*, kiu estas sufiĉe internacia kaj estus utila por la sciencaj verkoj (Ekz.: mortiva = mortema, mortpova ; efikiva kiu povas efiki ; detruiva, kondukiva, pereiva, k t. p.).

La prepozicioj uzataj kiel prefiksoj havas sencon iom pli vastan kaj elastan ol kiam ili estas uzataj aparte, sed oni nepre devas eviti ĉian neĝustan kunmetadon. Esprimoj kiel elrigardi, perlaboro, forbruli, laŭ nia opinio, ne estas uzindaj.

# KRONIKO DE LA GRUPOJ.

**Bruxelles.** — Obligé de quitter son local, le *Pioniro* a fini par trouver un lieu de réunion convenable, situé au milieu de la ville. *Hôtel de Cologne, rue de la Fourche, 17,* telle est la nouvelle adresse du Groupe Espérantiste Bruxellois. Vous tous, porteurs de l'étoile verte, qui vous trouverez un mercredi à Bruxelles, retenez cette adresse, car là se réunissent tous les mercredis, de 8 à 10, d'hospitaliers espérantistes !

Le nouveau local a été inauguré, comme il est de règle à Bruxelles, par un souper qui eut lieu le 8 janvier.

Une quarantaine d'espérantistes assistèrent à cette petite fête de famille, et ils furent si charmés par son agrément et son joyeux entrain que, sur la proposition d'un enthousiaste, on décida sur l'heure et à l'unanimité de recommencer chaque trimestre.

Le petit concert qui accompagna et suivit le souper, offrit à de nombreux membres l'occasion de montrer leurs talents variés. Citons spécialement, parmi les dames, Mme Jacques qui joua élégamment du piano, Mlle Moreau qui chanta d'une voix ravissante la tendre romance *En songe ;* Mlle Delfosse, dont le *Voyage à Cambridge*, spirituelle adaptation, mit toute l'assistance en gaîté ; Mlle Hoffmann dont la voix caressante recueillit également un succès largement mérité. Du côté masculin répondirent alternativement M. Cardinal, qui se fit admirer dans son répertoire polyglotte, M. Maisonpierre, le barde délicat et classique, M. Saren, dont le superbe et généreux organe fit vibrer la salle aux accents sonores d'un refrain anatomique, etc.

***

Une réunion spéciale eut encore lieu le mercredi suivant. Bien que quelques membres se fussent fait excuser, soit pour cause d'indisposition, soit pour un empêchement quelconque, même pour cause de mauvaise humeur, la salle était comble. La partie de concert laissera dans la mémoire de chacun une impression des plus agréable. Le piano, sous le jeu

**Bruselo.** — Devigata forlasi sian unuan sidejon, la *Pioniro* fine trovis oportunan ejon lokitan meze de la urbo. *Hôtel de Cologne, rue de la Fourche, 17,* jen la nova adreso de la Brusela Grupo Esperantista. Vi ĉiuj, verdasteluloj, kiuj estos en Bruselo ian merkredon, memoru ĝin, ĉar tie kunvenas ĉiumerkrede, de la 8a ĝis la 10a, gastamaj samideanoj !

La nova sidejo estis inaŭgurita, laŭ brusela kutimo, per intima vespermanĝo, kiu okazis la 8an de Januaro.

Kvardeko da esperantistoj ĉeestis tiun familian festeton kaj ili estis tiel ĉarmitaj per ĝia agrableco kaj ĝia gaja viveco ke, laŭ propono de iu entuziasmulo, oni tuj decidis unuvoĉe rekomenci ĉiutrimonate.

La koncerteto, kiu akompanis kaj sekvis la vespermanĝon, prezentis al multnombraj pionir-anoj okazon por montri sian talenton pri diversaj artoj kaj precipe pri muziko. Ni citu speciale, inter la samideaninoj : Sinon Jacques, kiu ludis elegante fortepianon ; Finon Moreau, kiu kantis per rava voĉo la dolĉan kanton *En Sonĝo* ; Finon Delfosse, kies *Vojaĝo al Kembriĝo*, ŝercoplena alfaraĵo, ridigis la tutan ĉeestantaron ; Finon Hoffmann, kies karesa voĉo rikoltis ankaŭ larĝe meritan sukceson. Alterne respondis inter la samideanoj Sro Cardinal, kiun oni admiris en lia multlingva kantaro, Sinjoro Maisonpierre, la delikata kaj klasika kantisto, Sro Saren, kies belega kaj malavara organo vibrigis la ĉambregon per la sonoraj akcentoj de anatomia rekantaĵo, k. c.

***

Speciala kunveno okazis ankoraŭ la sekvantan merkredon. Kvankam kelkaj membroj senkulpigis sin, ĉu pro malsaneco, ĉu pro ia malhelpo, eĉ pro malbonhumoro, la ĉambrego estis tute plenigita. La koncerta parto lasos en ĉies memoro plej agrablan impreson. La fortepiano, sub la potenca kaj majstra ludo de Fino Laureys ellasis siajn akordojn plej

puissant et magistral de Mlle Laureys, fit entendre ses accords les plus harmonieux ; M. Giminne raconta dans une langue facile la jolie histoire d'une rose des Alpes ; Mle Staes déclama avec sa grâce habituelle, et notre jeune ami Ludoviko mit le comble à la gaîté par l'incroyable aventure des *bancs d'une promenade*, que l'on peut indiquer comme le meilleur remède pour faire oublier les misères de la vie quotidienne.

Alors commença la partie principale du programme : la conférence de M. Blanjean, qui avait choisi comme sujet : *Coutumes et légendes des Ardennes*. Dans un Esperanto pur, parlé avec une remarquable facilité, le dévoué président du *Pioniro*, servi par un organe chaud et sympathique, décrivit la partie intéressante de notre pays où il vit le jour. Il raconta, avec des détails tour à tour joyeux et émus, des légendes naïves, dont l'origine remonte à l'époque romaine ou à l'épopée napoléonienne. A ces légendes spéciales à cette partie des Ardennes où l'on extrait l'ardoise — Herbeumont et environs — le conférencier ajouta le récit de quelques coutumes originales de cette région assez peu connue : la fête de Noël, le tirage au sort, les feux de carême, etc.

Des applaudissements nourris saluèrent la fin de cette intéressante conférence qui fit une impression profonde sur tous les auditeurs.

***

Mardi, 21 du même mois, eut lieu à l'Hôtel Ravenstein une réunion de propagande. M. l'abbé Richardson conférencia en anglais devant les membres de la section anglaise du Cercle Polyglotte ; il choisit comme thème de sa causerie : *Cambridge and the third Esperanto Congress.*

Soyons certains que la semence jetée par l'infatigable propagandiste est tombée en terrain favorable.

APRIDO.

**La Cambre.** — Le journal « La Belgique Militaire » donne un compte-rendu des deux conférences que Mr le lieutenant Cardinal a donné aux élèves sous-lieutenants de l'Ecole d'Application. Bon nombre d'officiers, faisant partie du personnel de l'Ecole, y assistaient et l'habile conférencier parvint à convaincre son auditoire de la facilité de la langue et des services inappréciables qu'elle rendra aux relations internationales.

**Etterbeek.** — Le mercredi, 8 janvier, Mr Luc. Blanjean donna une conférence très réussie à l'Extension belge Universitaire (section d'Etterbeek). Après avoir démontré la simplicité et la facilité de l'Esperanto, il parla des trois Congrès et de leur succès étonnant. Il attira encore l'attention des auditeurs sur les décisions importantes de la Délégation, qui certainement rendent proche la solution du problème d'une langue auxiliaire.

**Mons.** — L'Esperanto se propage de plus en plus en Belgique et les orateurs sèment et ne cessent de semer dans tous les coins du pays. L'Université populaire de Mons avait aussi organisé une conférence et s'était adressée à un enfant de la région pour convaincre ses membres et les attirer à la question d'une langue internationale.

harmoniajn ; Sro Giminne rakontis en lerta lingvo ĝajan historieton pri *Alpa Rozo*; Fino Staes deklamis kun sia kutima ĉarmeco kaj nia juna amiko Ludoviko ĝajiĝis la aŭdantaron per nekredebla rakontado pri *benkoj de promenejo*, kiun oni povas konsili kiel plej taŭgan rimedon por forgesigi la malagrablaĵojn de la ĉiutaga vivado.

Tiam okazis la ĉefa parto de la programo : parolado de Sro Blanjean, kiu elektis, kiel temon *Kutimoj kaj legendoj de Ardenlando*. En pura lingvo, parolata kun rimarkinda lerteco, la sindonema prezidanto de l' *Pioniro*, helpita de varma simpatia organo, priskribis la interesan parton de nia lando, kie li naskiĝis. Li rakontis, kun detaloj laŭvice gajigantaj kaj kortuŝantaj, naivajn legendojn, kies deveno oni alkalkulas ĉu al la roma epoko ĉu al la napoleona epopeo. Al tiuj legendoj specialaj al la parto de Ardenlando, kie oni eltiras la ardezojn — Herbeumont kaj ĉirkaŭaĵoj — la paroladanto aldonis rakonton pri kelkaj originalaj kutimoj de tiu regiono malmulte konata : la kristnaska festo, la loto, la fastaj fajroj, k. t. p.

Varma aplaŭdado eksonoriĝis je la fino de tiu interesa parolado, kiu faris profundan impreson sur ĉiuj ĉeestantoj.

***

Mardon, 21an de l' sama monato, okazis en Hôtel Ravenstein propaganda kunveno. Sinjoro Abato Richardson paroladis antaŭ la membroj de l' angla sekcio ĉe la Multlingva Klubo, kaj elektis, kiel temon de sia angla parolado : « Cambridge kaj la tria Esperanta kongreso ».

Ni estu certaj ke la semo disŝutita de la nelacebla propagandisto falis en favoran lokon.

APRIDO.

**La Cambre.** — La ĵurnalo « La Belgique Militaire » raportas pri la du paroladoj, kiujn Sro leŭtenanto Cardinal faris ĉe la lernantaj sub-leŭtenantoj de la Milita Lernejo de Aplikado. Multaj oficiroj, el la profesoraro, ĉeestis kaj la lerta parolanto konvinkis sian aŭdantaron pri la facileco de la lingvo kaj la netakseblaj servoj, kiujn ĝi faros al la internaciaj rilatoj.

**Etterbeek.** — La merkredon 8an de Januaro, Sro Luc. Blanjean faris sukcesplenan paroladon ĉe la Universitata Belga Disvastigo (sekcio en Etterbeek). Post montro de la simpleco kaj facileco de Esperanto, li parolis pri la tri kongresoj kaj ilia mirinda sukceso. Li vokis ankoraŭ atenton de la aŭdantoj al la gravaj decidoj de la Delegacio, kiu certe alproksimigos la solvon de l' problemo pri helpanta lingvo.

**Mons.** — Esperanto pli kaj pli disvastiĝas en Belgujo kaj la parolantoj semas kaj semas konstante en ĉiuj partoj de la lando. La Popola Universitato el Mons organizis ankaŭ paroladon kaj ĝi sin turnis al infano de la regiono por konvinki ĝiajn membrojn kaj altiri ilin al la demando pri internacia lingvo.

Mr le lieutenant Cardinal démontra à ses auditeurs les multiples avantages d'une langue commune, la même pour tous et le succès qui l'accompagne partout, se manifesta à nouveau; beaucoup de sceptiques furent convaincus de la nécessité et de l'utilité d'une langue auxiliaire et furent émerveillés de la belle solution présentée par l'Esperanto. Les journaux de la région ont donné des compte-rendus détaillés et nous apprennent que Mr François André, au nom de tous, remercia chaleureusement l'orateur et proposa la fondation prochaine d'un cours au sein de l'Université populaire.

Sro leŭtenanto Cardinal klarigis al siaj samregionanoj la multajn utilojn de komuna lingvo, sama por ĉiuj, kaj la sukceso kiu akompanas lin, denove sin montris; multaj skeptikaj personoj konvinkiĝis pri la neceso kaj la utilo de helpanta lingvo kaj miris pri la belan solvon prezentitan per Esperanto.

La lokaj ĵurnaloj detale raportis pri tio kaj sciigas ke Sro François André, je l' nomo de ĉiuj, varme dankis la parolinton kaj proponis baldaŭan fondon de kurso organizota de la Popola Universitato.

---

# VIVO DE JESUO

## DE ERNEST RENAN (ELDONO POPOLA)

tradukis: **Emilo Gasse.**

Sro Em. Gasse entreprenis la tradukon de la bela verko de Ernest Renan: Vivo de Jesuo kaj riĉigis la Esperantan literaturon per tre bona kaj tre preciza traduko; la stilo estas flua kaj ĉiam simpla, la aŭtoro trouzas nek la participojn, nek la kunmetitajn vortojn, plie la formo de la frazoj estas simpla kaj la rezultato multe valoras.

Tiu libro estas presita sen helpo de la supersignitaj literoj kaj, laŭ la Fundamento, la aŭtoro uzis la duoblajn literojn rekomenditajn, en tiu okazo, de Dro Zamenhof mem.

Nu, la rezultato estas bedaŭrinda, la lingvo ŝajnas nelegebla kaj oni ricevas tiel malgajan impreson ke oni baldaŭ konkludas kontraŭ tiu akcepto de alfabeto.

La duliteroj ch kaj sh ne estas ĉiam facile akcepteblaj, kaj la aliaj: gh, hh, jh farigas la lingvon iafoje kaoza.

Montro de kelkaj tekstoj estas necesa por tion opinii:

Ghia kuragho, ghia sereneco, ghia instruighemo, ghia indiferenteco al ridindeco, ghiaj grandaj heroecaj instinktoj, ghia gusto por la farajhoj artaj..... (p. 9).

. . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . .

La marbordo, konsistanta el shtonegoj kaj rondaj shtonoj, vere estas tiu de mareto... Ghi estas klara, pura, senshlima, chiam batata en la sama loko de la malpeza movado de la ondoj. Promontoretoj, kovrataj de rozlauroj, tamaricoj kaj de kaporerujoj dornaj tie montrighas; en du lokoj precipe, che la enfluejo de Jurdeno apud Tarisheo, kaj che la bordo de la ebenajho de Genesareto, estas ebriigantaj florghardenoj, kie la ondoj venas estingighi en masivojn herbetajn kaj florajn (p. 66).

. . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . .

La reghino de Saba, aldiris li, starighos che la jughotago kontrau la homoj de chitiu samaghularo... La Ninivanoj starighos che la jughotago kontrau chitiu samaghularo kaj ghin kondamnos. (p. 132).

... la feston fonditan de Juda Makhhabeo en la memoro de la purigo de la templo post la malpiegajhoj de Antiohhus Epifano. (p. 145).

... ke chitiu malkuraghajho kashita enhavis grandan maldelikatecon. (p. 160).

... che chiuj chirkauajhoj de Jeruzalemo. (p. 172).

Ni haltu. Oni konsentos ke forpelo de supersignitaj literoj postulas ankaŭ forpelon de kelkaj nunaj formoj kaj radikoj. La libro de Sro Gasse tion montras evidente kaj ni devas esti al li dankemaj, ĉar al ni li montris veran danĝeron en uzo de la Zamenhofa rekomendo.

Sed apero de tiu libro montras ankoraŭ al ni alian flankon de la demando, flankon kiun ni kvalitigos financa, ĉar en vortaro ni ne trovis alian ĝentilan adjektivon.

Tio povus ankoraŭ klarigi certan nunan sintenadon; la leganto mem juĝos kaj ni reproduktos plene la kuriozan averton de Sro E. Gasse.

MOZANO.

### AVERTO DE L' TRADUKINTO.

La leganto miros, ekvidante ke chitiu (1) libro estas presita sensupersigne.

Eble li pensos, ke ni volis ennovigi incitate de ia reforma manio.

Sed eble li konsideros nian provon pli simpatie, se li bonvolos kredi la sincerecon de la jenaj vortoj.

Ni mem tute malaprobis iam la « flanken alfabeton » Tamen, la sperto nin instruis. Ni penis presigi chitiun libron che presejo havanta supersignojn: sed post unujara vana atendado, ni decidighis presigi ghin aliloke. Tiam ni konstatis, ke la kelkaj aliaj presistoj, kiuj havas la supersignojn, konsideras ilin kiel privilegio kaj postulas prezojn troajn (2), kiuj neniel estas kunireblaj kun la prezo de verko « popola » Fine, trovante presiston, ni ekaudis pri bruoj de shanghoj sufiche gravaj en la lingvo, por forigi ghiajn supersignojn.

Tiam ni havis du elektojn: 1e utili la neinformitecon de presisto por igi lin akiri presliterojn supersignajn, kiuj eble post kelke da semajnoj estus neuzeblaj; 2e simple alpreni la solvon (1), kiun nia Majstro donis li mem. Ni plishatis la plej honoran.

Se tiuj tialoj ne sufichus por kontentigi la legant on, ni diros al li ke *Dro Zamenhof mem sciigis al ni persone sian aprobon pri tiela preso sensupersigna de chitiu verko.*

Post tia aprobo, ni kredas chian ajn tialon senbezona.

Multe da samideanoj presigantaj plendis ofte pro la supersignoj, sed chiuj atendas ekzemplon. Ni esperas, ke chi tiu modesta ilin kuraghigos.

Ni neniel kontraubatalas la supersignojn, sed ni opinias ke, char la nombro de la kompostilo (linotipoj) kaj skribmashinoj pli kaj pli grandighas, kaj char Esperanto pli kaj pli chiepresighas, sensupersigna presado alvenas ghustatempe en la praktiko.

Ni estas certa, ke se la leganto bonvolos konsideri senpartie la aferon, li rapide kutimighos al tiela alfabeto. Per tiu bonvolo, li helpos efike al nia afero, forigante unu el ghiaj gravaj baroj.

Marto 1907.

---

(1) « Presejoj, kiuj ne posedas la literojn c, g, h, j, s, u supersignajn, povas anstatau ili uzi ch, gh, hh, jh, sh, u. » Fundamenta Krestomatio, pgh. 254a.

(2) La presistoj ja esta nur duone kulpaj pri tio, char grandliteroj supersignaj devigas ilin al « paragonado » tre kosta; tial oni jam de longe forlasis la supersignojn sur la grandliterojn, ekz. en franca kaj germana lingvoj.

## La Malshanghighemaj Rughgorghoj.

Fabelo dedichita al chiuj tiuj kiuj shatas la Zamenhofan manieron anstatauigi la supersignitajn presliterojn per litero *h*.

Du malshanghighemaj naivaj rughgorghoj
Iam enloghighis en ghentilan loghejon,
Jhurinte ke chiam en la du vizaghoj
Vidighos la ghojo malshati shanghadon.

Ghis farighis vintro, ghuante la vivon,
La rughgorghoj en senbrecha nesto loghis.
Sed kiam vintrighis, vidante la neghon,
Senshancelighemaj rughgorghoj ekghemis.

La loghejo ghis nun sufiche taugadis,
Sed chu ghi starados dum chiaj blovighoj ?
Konstruajho baldau per frost'ekdisighis
Kaj la rughgorhetoj trovighis en ventoj.

Ambau faris lautan plendon al chielo
Dirante ke ventoj printempe promesis
Pri *netushebleco* de la kara nesto
La ehho de l'ghemo chie disvastighis.

Chiuj tiuj birdoj, kiujn ghi kortushis
Rapidis cheesti che la rughgorghetoj,
Serchant' alporti al la malfelichuloj
La simpatiojn kiujn chiuj sentadis.

Sed shercemulo chiam chie trovighas ;
Unu kun rid'enshovighis en la neston :
Jen ghi falas kiam la birdo turnighas.
Tiel sherceme detruinte la domon
Li, per kelkaj vortoj, sin komprenatigas :
« Se anstatau fidi je ventaj promesoj
Vi per propra labor' estus aranghintaj
Viam neston dum dauris la belaj tagoj,
Tiam vi estus en la vintro ghuintaj :
Sed nun vi perdas chion pro via kulpo.
Mi ne kompatas al tia naiveco. »

P. D. HUGON.

Eks-instruisto de Esperanto che la « City of London College, » che la « London County Council, » ktp.

## BLINDULGRUPO.

Okaze de la novjaro, la komitato de la Ligo ricevis la sekvantajn leteron kaj regularon, kiujn niaj gelegantoj bonvolu legi kaj certe opinios tre interesaj.

*Al la Komitato de la Belga Ligo Esperantista.*

SINJORO PREZIDANTOJ, GESINJOROJ,

Antaŭ ol preni nian oktagan libertempon, ni volas plenumi agrablan devon : danki la Belgajn esperantistojn pro la de ili al ni montrita intereso ; prezenti al ili niajn plej sincerajn bondezirojn, kaj mallonge raporti al la Liga komitato pri la ĉefaj okazintaĵoj ĉe nia grupo dum la nun finiĝanta jaro.

Inter tiuj okazintaĵoj, ni feliĉ- kaj danksente memoras pri la multopa ĉeesto de la Brusela kaj Lakena grupoj ĉe nia Junia festo ; pri la tiom ĝentila nin-akcepto ĉe la oktobra kunveno de Pioniro ; pri la vizitoj de la sindonemaj amikoj Abato Richardson, Th. Cart kaj J. Coox ; fine pri l' agrablaj kaj lernigaj korespondoj kun multaj alilandaj samsortanoj aŭ blindulamikoj.

Ni ricevis pli ol 40 Kristnaskkartojn de la gelernantoj de la Londona Blindulejo ; tio pruvas la fervoron fruktodonan de la bona Sinjoro Adams.

La 3an de Novembro, ni renovigis nian grupkomitaton jenmaniere :

| | |
|---|---|
| *Prezidanto :* | A. Pollet, |
| *Vicprezidanto :* | A. Vandael, |
| *Sekretarioj :* | M Pierlot kaj J. Huegarts, |
| *Kasistoj :* | H. Lisson kaj V. Bosman, |
| *Membroj :* | J. Decarpentry, L. Wagee, E.Welter, M. Clymans. |

La 3an de Decembro, la grupo revidis sian Regularon kaj faris kelkajn ŝanĝojn en la 8a kaj 9a artikoloj por permesi al si havi Protektajn membrojn. Tiamaniere ni esperas povi baldaŭ komenci efikan propagandon ĉe la eksterinstitutaj blinduloj.

La Regularo, presita laŭ Belga punksistemo, estos sendota al ĉiu persono, kiu fariĝos membro protekta, aŭ faros donacon al la grupo.

Antaŭ ol fini tiun leteron, ni esprimas la deziron ke dum la nova jaro, nia kara afero progresadu pli kaj pli por la plej granda bono de l' homoj.

Akceptu, sinjoro Prezidanto, Gesinjoroj, la esprimon de niaj sentoj kaj bondeziroj.

La lernantoj de la Reĝa Blindulejo en Woluwe-Bruxelles.

*La 27an de Decembro 1907.*

## WOLUWA BLINDULGRUPO ESPERANTISTA.

### LUMO EN MALLUMO.

### REGULARO.

1. Je la 3a de decembro 1906, la lernantoj de la Reĝa Blindulejo de Woluwe (Bruselo) fondis la Woluwan Blindulgrupon Esperantistan.
2. Tiu grupo celas :
   1e Pliperfektigi la anojn pri la lingva kono,
   2e Plimultigi la librojn kaj aliajn legaĵojn,
   3e Plifaciligi la korespondadon kun alilandaj blinduloj.
   4e Disvastigi Esperanton inter la blinduloj.
3. La grupon regas responda Direktoro kaj Komitato dekmembra, elektita de kaj el la grupanoj almenaŭ 12 jaraj.
4. Jara ekzameno rajtigas la membrojn po 1, 2 aŭ 3 voĉdonoj. Po 3 voĉdonoj rajtigas 1a premio en la Supera kurso, po 2 voĉdonoj : 2a premio en la Supera kurso aŭ 1a premio en la 2a kurso, po 1 voĉdono : premio en la Supera kurso, 2a premio en la 2a kurso aŭ 1a premio en la 3a kurso.
5. Nur la tri- kaj duvoĉdonrajtaj grupanoj estas elekteblaj por la komitato.

6. El la komitatanoj, la grupanoj elektas: Prezidanton, Vicprezidanton, Sekretarion, Helpsekretarion kaj du Kontrolajn Kasistojn. La Direktoro estas rajte kaj deve kasisto.

7. Ĉiujare oni duone renovigas la komitaton.

8. La grupanoj ne pagas kotizaĵon. Tamen se ili volas partopreni en la grupaj amuzaĵoj, ili donas jare 10 centimojn por la Festkaso. Al tiu kaso ĉiu persono povas fari donacojn.

9. La grupo povas havi protektajn membrojn, kies unufrankaj kotizaĵoj servos por la diversaj bezonoj de l' grupo, sed ne por la festkaso.

10. La grupanoj ŝuldas al la grupestroj respekton kaj submetiĝon, ili al si interŝuldas perfektan ĝentilecon dum la diskutadoj.

11. Antaŭ ol paroli, oni petas la prezidanton por permeso. La prezidanto povas mallaŭdi pro neĝentilaj aŭ nekorektaj esprimoj, malpermesi interrompojn, haltigi aŭ revenigi paroladon foriĝantan de la demando.

Mankaj iom gravaj pri respekto aŭ ĝentileco estas punotaj de l' direktoro laŭ la instituta Regularo.

12. Ĉia decido de l' Komitato aŭ de l' tuta grupo fariĝas deviga nur post aprobo de l' Direktoro. Dum la kunvenoj oni nur parolas Esperanton. Ĉiaj paroladoj, voĉdonoj, k. c. faritaj en alia lingvo, estas neakcepteblaj.

Farita en Woluwe, dum ĝenerala kunveno 3an de decembro 1906a, reekzamenita la 3an de decembro 1907a.

Taŭga adreso por ĉiuj korespondoj:

*Blindulgrupo Esperantista*,
Reĝa Blindulejo,
Woluwe-Bruxelles.

---

## BOEKBEOORDEELING.

*Spraakleer en Oefeningen van de internationale taal Esperanto*, door M. Sebruyns-Vromant, Brugge, A.-J. Witteryck. — Prijs: één frank.

—

Dit werkje is een volledige voorstelling van het Esperanto. Het is bearbeid naar de handleiding van L. de Beaufront, maar bevat meer oefeningen en strekt zich uit over een veel grooteren woordenschat; iedere opgave in Esperanto wordt door de Nederlandsche vertaling gevolgd, hetgeen den leerling toelaat zelf en onmiddellijk de verbetering te bezorgen.

Evenals in het boek van de Beaufront komen ook de regels van spraakleer en woordvorming op de eerste bladzijden van het onderhavig werkje voor, hetwelk niet schaden kan wanneer men het Esperanto onder leiding van eenen professor leert, maar bij zelfonderricht minder practisch wordt; liever ziet men de regels met de oefeningen samengaan, of nog beter, daarvan afgeleid worden.

Ook is hier en daar een kleine kritiek te maken over de keuze en den vorm van zekere zinnen als deze:

Filo, ne manĝu de la birdoj! (?)
El ĉiuj siaj (liaj, ŝiaj, ĝiaj of iliaj?) ŝtonoj, la plej malgranda estas la plej bela.

La paroladanto kuraĝis redoni (ripeti?) sian paroladon. (De Nederlandsche vertaling « hergeven » is ook onjuist).

Redonu al mi la plenan ĉerpilon. (Het woord sitelo = emmer bestaat in Esperanto).

Ĉu vi nomas Johanon? (estas nomata Johano?)

Ĉe la feino pardonis al la malfeliĉa vidvo sian (lian?) malkapablecon?

en enkele andere. Deze uitdrukkingen kunnen evenwel in de nog niet verkochte exemplaren onder eene bij te voegen rubriek « Verbeteringen » terecht gewezen worden, om bij een nieuwe uitgave teenemaal te verdwijnen.

Bovengaande kleine bemerkingen, die de heer S.-V. mij, hoop ik, niet euvel zal opnemen, verhinderen evenwel niet dat zijn werkje vele verdiensten heeft en ten volle aanbevelenswaardig is. Ik ben vast overtuigd dat zij, die het ernstig hebben ingestudeerd, in het Esperanto eene groote ervarenheid zullen opgedaan hebben.

Ook de heer Witteryck, de wakkere uitgever der B. S., verdient allen lof voor de zorg en de sierlijkheid, waarmede het besproken werkje gedrukt werd.

AMATUS.

---

## TAŬGAJ PROPAGANDILOJ.

Kelkaj komercistoj jam ofte uzis novan reklamilon kiu kaptas la scivolemecon de la elegantoj kaj samtempe estas sufiĉe originala kaj valoras por utila propagando de Esperanto.

La Scienca Oficejo el Genevo tion bone komprenis kaj uzis ĝin; tiu ekzemplo kuraĝigis nin prepari ankaŭ tiun propagandilon por niaj belgaj samideanoj, kiuj povas ĝin ricevi de nun sinturnante al la Ligo.

La nova propagandilo konsistas esence en markoj, iom pli grandaj ol la poŝtmarkoj, sed de kiu la centra parto estas difinita por ricevi la oficialan papereton.

Tiamaniere oni ricevas algluitan poŝtmarkon de kiu la centro estas oficiala kaj la rando enhavas Esperantan tekston.

La teksto de niaj markoj estas:

*Oni korespondas per Esperanto, internacia lingvo.*

Oni povas uzi ilin sur banderoloj aŭ iaj kovertoj.

La poŝtaj oficejoj tamen ne akceptas ilin sur poŝtkartoj. La Esperantaj markoj estas aĉeteblaj sin turnante per letero akompanita de poŝtmandato aŭ internaciaj respond-kuponoj, al la Sekretario de la Belga Ligo Esperantista:

53, rue de Ten Bosch, Bruxelles.

Kosto: 100 ekzempleroj (bluaj, ruĝaj aŭ verdaj) . . . . . fr. 1.00 sm. 0.40

Aldonu dek centimoj en Belglando aŭ 25 centimoj (sm. 0.10) en ceteraj landoj por ĉiu sendo.

Aliaj propagandiloj aĉeteblaj je la sama adreso:

| | | |
|---|---|---|
| Propaganda broŝuro de la B. L. E. | fr. 0.15 | sm. 0.06 |
| Ŝlosilo-folio de la B. L. E. | » 0.05 | » 0.02 |

Rabato po Kvanto.

ĴUS APERIS:

**TEORIA KAJ PRAKTIKA KURSO DE STENO-METAGRAFIO**

de **L. VAN DEN BOSCH & A. CAMBY.**

**2a Eldono, en franca lingvo.**

Lernolibro la plej utila por la lernado de la stenografio, la plej taŭga gvidilo por la profesoroj, la kursolibro la plej ŝatita por la lernantoj.

Unu volumo in 8o, 134 paĝoj, bindo en angla tolaĵo.

Kosto: fr. 1.50. Poŝte: Belglando fr. 1.60.

Poŝta Unuigo: fr. 1.70.

Libro de la profesoro: fr. 1.00.

Specialaj kondiĉoj por la profesoroj.

Aĉetebla: rue Moons, 47, ANVERS (Belglando). (78)

---

## La Revuo,

internacia monata literatura gazeto, kun konstanta kunlaborado de

**Dro ZAMENHOF.**

Ĉe Hachette k. Ko, 79, Bouldd St.-Germain, Paris.

Jare: Fr. 7. (2,80 Sm.)

---

## La Signo Esperantista

estas

**LA VERDA STELO**

kaj

**la verda stelo estas la SIGNO « GASSE »**

la plej bela, — malkara, — simbola kaj scia, vere disvastigita internacie rekonilo esperantista; ne estante ŝtofa, ĝi ne difektiĝas.

Prezo fr. 1.00 (40 Sd.) afranke en Belgujo. Sin turni al la Administracio de la ĵurnalo. Aldoni la monon.

---

## SPINEUX & Co, Bruselo,

POLIGLOTA LIBREJO, FONDITA EN 1833

3, RUE DU BOIS SAUVAGE.

Vendas ĉiujn esperantajn librojn.

**KORESPONDAS ESPERANTE.**

TELEFONO No **3688**. (89)

---

# Lingvo Internacia

**Monata centra Organo de la Esperantistoj**

48 paĝoj (13×20 cm.), nur en Esperanto

*Literatura Aldono*, 16 paĝoj.

Jara abono: 7 fr. 50 (3 Sm.)

---

## *Juna Esperantisto*

MONATA GAZETO POR JUNULOJ, INSTRUISTOJ KAJ ESPERANTO-LERNANTOJ

Jara abono: 2 fr. 50 (1 Sm.)

**ADMINISTRACIO**

**Presa Esperantista Societo, 33, rue Lacépède, Paris.**

**Specimenaj numeroj estas senpage riceveblaj**

---

## *Esperantistoj!*

AĈETU LA VINOJN KIUJN VI BEZONAS ĈE LA

# Firmo ALFRED LAURENT-DESCOTTE

VINOJ

EN **SOIGNIES** (BELGIQUE).

*Fondita en 1880.*

**Ĉefaj vinoj de Bordeaux kaj de Bourgogne.**

**Diversaj blankaj vinoj, Ĉampano, hispanaj kaj portugalaj vinoj**

*KORBOJ*

povantaj enteni sortimenton da 20 boteloj da diversaj vinoj

Speciala prezo por Esperantistoj.

Oni korespondas Esperante. — Prezaro al dezirantoj.

Sendu la korespondaĵojn al

Sinjoro **Alfred PUTSAGE-LAURENT,**

*VINOJ,*

en HOUDENG-AIMERIES (BELGIQUE). (83)

---




**Mekanika bindilo**, kun risorta dorso, por Belga Sonorilo kaj Tra la Mondo.

Oportuna kaj praktika por konservi sendifekte la gazetojn.

Prezo, afranke en Belgujo, fr. 2,50

eksterlanden » 3,00

Ĉe So WITTERYCK, 4, Nouvelle Promenade, Bruges.

---

## Sinjoro Mathouillet

ano propaganda de S. P. P. E., kaj rajthavanto de l' tre potenca firmo por burgondaj vinoj **CHAMPY PÈRE ET Cie**, el Beaune, (Bourgogne), loĝos en **Hôtel d'Harscamp**, en Namur, de la 1a de Novembro ĝis la fino de Marto.

Li deziras trovi seriozajn agentojn en Verviers, Malines, Duffel, Hasselt, Wevelghem, Diest, Tongres, Courtrai, St. Trond. (78)

---

# L'Annonce Timbrologique

ĈIUMONATA ORGANO DE LA KOLEKTANTOJ

**de poŝtsignoj, ĵurnaloj kaj ilustritaj poŝtkartoj**

estas unu el la plej bonaj iloj por publikigo kaj por la interŝanĝantoj.

Ĝi ekzistas de 15 jaroj, kalkulas abonantojn en ĉiuj landoj de la mondo, kaj estas la OFICIALA ORGANO DE DEK FILATELAJ KAJ PRESAĴ-AMANTAJ SOCIETOJ; al ĉiuj membroj de tiuj societoj, ĝi estas sendata devige.

*JARA ABONO:* **2 frankoj** (80 Sd.) en ĉiuj landoj.

*MALGRANDAJ ANONCOJ:* **3 frankoj** (1,20 Sm.) por 12 enpresigoj po 4 linioj.

Sin turni al la Direktoro **Sro ARMAND DETHIER;**

**66, rue Floris, Bruxelles, Belgique.**